# INTERNACIA ĴURNALISTO



Jaro XX, aprilo 1981
N-ro 1.

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)


## NIAJ GRAVAJ TASKOJ

Post sia restariĝo, en la kadroj de la Universala Kongreso de Esperanto en 1956, nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) jam 25 jarojn aktivas kiel grava organizaĵo de la ĵurnalistoj-esperantistoj kaj kiel forta taĉmento de la tutmonda Esperanto-movado. Grava sukceso de TEĴA estis la aperado de ĝia organo "Internacia Ĵurnalisto", kiu jam ĉirkaŭ 20 jarojn servas al TEĴA kiel bonega organizilo kaj propagandilo.

Iuj malfavoraj kondiĉoj dum tiuj 25 jaroj, la plej grava - la longa aŭ provizora neaperado de la organo - bremsis la agadon de nia tiel valora kaj necesa ĵurnalista profesia organizaĵo. Sed, dank' al la obstina agemo de la estraranoj kaj de la redaktoroj de "IĴ", nia asocio kuraĝe transsaltis la obstaklojn kaj denove aktiviĝis. Tiel batalante, ni certigis jam la regulan aperadon de "IĴ", dank' al la helpo de la Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio kaj de la sofiaj TEĴA-noj.

Venkinte tiun ĉi obstaklon, nun antaŭ ni ĉiuj staras kelkaj gravaj aktualaj taskoj. La plej grava el ili estas la organiza fortikigo de nia asocio. Tiu tasko estas la unua devo, precipe por la estraranoj, komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA en diversaj landoj. Unuatempe ni devas precizigi la adresojn de niaj membroj. Eble iuj el ili memeksiĝis de nia asocio pro iuj kialoj, aliaj eble translokiĝis en novajn loĝlokojn. Tiurilate la Estraron devas helpi niaj estraranoj kaj reprezentantoj en diversaj landoj kaj urboj. Ni devas sekvi la ekzemplon de nia bonega aktivulo kaj estrarano Nikolaj F. Danovskij, kies 75-jaran jubileon oni festis antaŭ nelonge. Li regule informas nian estraron kaj la redakcion pri ŝanĝoj kaj pri nove aliĝintaj membroj el USSR. Li mem kontaktas kun ili, kolektas membrokotizojn kaj ĉiam trovas tempon kontribui al "Internacia Ĵurnalisto" per artikoloj, versaĵoj - originalaj kaj tradukitaj, per informoj, sugestoj kaj instigoj.

En kelkaj sekvontaj numeroj

de "IĴ" ni aperigos la adresojn de ĉiuj TEĴA-noj. Estus bone kaj necese, se ĉiuj niaj estraranoj kaj reprezentantoj tuj post la publikigo de la adresoj (kaj eĉ antaŭ tio) informos la redakcion de "IĴ" pri la ŝanĝoj en la adresoj, pri la forfalintaj kaj pri novaj membroj kaj iliaj adresoj.

Dua tasko estas la kolektado de la membro- kaj abonkotizo. La estraranoj, komitatanoj kaj reprezentantoj serioze prizorgu ankaŭ tiun nian bezonon. Estas sciate, ke sen financrimedoj nenia organizaĵo povas normale ekzisti kaj funkcii. La membrokotizo de TEĴA estas malgranda: por la tuta jaro nur 1,5 usonaj dolaroj aŭ ekvivalento. La membrokotizo inkluzivas ankaŭ la abonkotizon.

La restarigo de nia reto de komitatanoj kaj reprezentantoj en diversaj landoj, la helporganoj de nia asocio, estas samtiel grava tasko por ni. Tio estas laboro por la estraranoj de TEĴA por la regionoj (najbaraj landoj), por ĉiu aparte. Ni devas kontaktiĝi kun niaj ĝisnunaj reprezentantoj, eltrovi aliajn kaj helpi ilin kompreni siajn statutajn devojn por organizi bone sian laboron.

Estas ankoraŭ aliaj gravaj taskoj antaŭ ni. Sed pri ili alifoje. Nun tamen ni ne forgesu nian devon subteni la redakcion de "IĴ" per regulaj kontribuaĵoj -artikoloj, informoj, fotoj, rakontoj, versaĵoj - originalaj kaj tradukaj, humuraĵoj kaj karikaturoj, per sugestoj, proponoj ktp. Tiamaniere oni kontribuos por fari nian organon pli bonenhava kaj interesa.

Al aktiva laboro, karaj gekolegoj, por fortikigo de la vicoj de nia kara TEĴA!

Ĉiuj ni - estraranoj kaj membroj kontribuu al la plenumado de niaj gravaj taskoj!

Iv.Esp.

EN FRATA HUNGARIO

Ĵurnalisto Leo Fiŝbejn el urbo Uzlovaja, distrikto de Tula (USSR) estas mininĝeniero. Lia laboro kiel mininĝeniero tamen ne malhelpis lin esti ankaŭ ĵurnalisto. Li sin dediĉis al tiu dua profesio kiel esperantisto. Per multaj kontaktoj kun fremdlandaj kolegoj kaj amikoj li elmeritis la evidentan profesion de ĵurnalisto, regula membro de la Unuiĝo de Sovetaj Ĵurnalistoj.

Ni donas en traduko, kun ioma koncizigo, unu el liaj lastaj aperintaj korespondaĵoj en gazeto "Znamja", aperanta en u.Uzlovaja.

Vidu p.3 La Redakcio

En 1967 en minejon "Dubovskaja" vizite venis la mineja inĝeniero el Hungario Ferenc Gervai, kiu partoprenis la hungaran revolucion en 1919. Nia renkontiĝo tiam daŭris ne pli ol du tagojn. La gasto estis admirita de la kompleksa mekanigo ĉe la produktado de hejtaĵo en grandaj enbreĉoj.

La kolego el Hungara Popola Respubliko ne parolis rusan lingvon, sed tre bone parolis la internacian lingvon Esperanto.

De tiam komenciĝis nia korespondado. Kaj ĉi jare la hungara amiko sendis al mi invitilon viziti Hungarion, konatiĝi kun lia familio, kun la vivo kaj la laboro de la hungara popolo. La vizito daŭris 17 tagojn. Plene sufiĉa tempo multon vidi, aŭdi kaj ebligi senperan kontakton kun homoj de diversaj profesioj. Restis en la memoro interesaj renkontiĝoj en urboj kaj vilaĝoj. Sincere ni estis akceptitaj en karboriĉiga fabriko de trusto "Karbo", kie F.Gervai laboras kiel vicĉefinĝeniero. Tie ĉi la soveta karbo el Doneck miksiĝas kun hungara lignita karbo kaj post tio alia entreprenejo de la trusto preparas el la riĉigita hejtaĵo bonkvalitajn briketojn.

En la vitro-fabriko de vilaĝo Tokod oni montris al ni la tutan teknologian procedon. Ni interparolis kun la laboristoj, priservantaj la aŭtomatajn procedojn ĉe la produktado de vitraj tuboj por la farmacia industrio kaj kun la vitroblovantoj, kies majstreco elvokas admiron.

Oni invitis esperantistojn el la centro de regiono Komaro - la mineja urbo Tatabanja. La renkontiĝo okazis en la urba kulturdomo. Inĝenieroj, instruistoj kaj oficistoj starigis multajn demandojn pri la vivo kaj kulturo en nia lando, rakontis pri tio kiel en la hungaraj minejoj oni sukcese aplikas la sovetajn mekanikajn kompleksojn. Ni ne rimarkis kiel pasis tri horoj en konversaciado.

Okazis ankaŭ multaj diversaj renkontiĝoj - anticipe preparitaj kaj hazardaj. Mi kaj mia edzino havis la eblon konvinkiĝi en la frataj sentoj al ni, la sovetaj homoj.

La vivnivelo de la hungara popolo ne povas esti komparata kun tiu de 1944-45, kiam ĝi estis liberigita el sub la faŝista jugo. Estas efektivigata granda loĝeja konstruado, ĉefe individua, financata de la registaro. Kaj kio estas instrua: ĉi tie oni scipovas ne nur bone, sed ankaŭ perfekte ripozi. En la urboj kaj vilaĝoj, en la kulturaj domoj estas organizataj diversaj kluboj

laŭ interesoj. Kortuŝa estas la zorgo, destinita por la infanoj - por ili estas preparitaj multaj naĝbasenoj. Kaj la lagon Balaton, kiun oni nomas "hungara maro", estas amase vizitata, kiam la vetero estas suna.

En unu malgranda noto oni ne povas rakonti pri ĉio. De nia vojaĝo ni alportis ne malmulte da interesaj suveniroj donace al nia urba esperantista klubo "Amikeco".

L. Fiŝbejn

KIOM DA LINGVOJ EN LA MONDO

Ĝis antaŭ nelonge neniu povis respondi al la demando kiom da lingvoj ekzistas en la mondo. Post la liberiĝo de pluraj popoloj en Azio, Afriko kaj Oceanio kaj post la kreo de novaj ŝtatoj, la bezono pri lernado de fremdaj lingvoj estiĝis ĉiam pli kaj pli aktuala. Laŭ "Informlibro pri la lingvistikaj problemoj kaj lingva komunikado", eldonita en GDR, en la mondo estas konataj 5651 lingvoj. Ĝis nun oni supozis, ke ilia nombro staras inter du kaj tri mil. Pli ol 1400 lingvoj apartenas al la nerekonitaj aŭ al la mortantaj lingvoj. Al tiu grupo apartenas 250 aŭstraliaj lingvoj, uzataj de pli ol 40 mil personoj. Kiel konate, la aŭstraliaj aborigenoj uzas la anglan lingvon. Alta estas la nombro de mortantaj lingvoj ankaŭ en Usono. Aktuale tre limigita nombro da homoj, precipe en aĝo de pli ol 60 jaroj, parolas pli ol 170 lingvojn de la nordamerikaj indianoj. Iliaj infanoj kaj nepoj ne konas la lingvon de siaj avoj kaj praavoj; ili parolas nur la anglan.
Iom post iom pluraj el la disvastigitaj lingvoj estiĝas dua lingvo aŭ lingvo por komunikado kun reprezentantoj de aliaj nacilingvaj grupoj. Tia tendenco pri transformiĝo de apartaj lingvoj al rimedo por komunikado inter multaj triboj, estas observata en Afriko. Tie forte disvastiĝas la lingvoj hausa kaj joruba; ili anstataŭas la lingvojn de la koloniigantoj. Aliflanke, forte etiĝas la teritoria bazo de certaj lingvaj grupoj. En regionoj, kie okazas senĉesaj militoj, tre ofte la homoj serĉas rifuĝejon en montoj kaj arbaroj. Rezulte, sur malvastaj montaraj regionoj de Hindoĉinio nun ekzistas 180 lingvoj; en Himalajo - 160 kaj en Okcidenta Afriko, en la regionoj de la riveroj Niĝero kaj Benuo - 280 lingvoj. La plej granda koncentriĝo de diversaj li-

ngvoj estas konstatebla sur insulo Nova Gvineo. La loĝantaro de Papuo, Nova Gvineo kaj Okcidenta Irano parolas en 1010 lingvoj.

Konsterniga estas la fakto, ke el 4200 lingvoj, rekonitaj estas apenaŭ 500. Pli ol tri kvaronoj de ĉiuj lingvoj ne posedas skribon.

Tradukis Kiril Draĵev

PRI LA TERORISMO EN ITALIO

Signifoplenan sintenadon entreprenis la itala ĵurnalista tutnacia asocio okaze de la bedaŭrinde longedaŭra "terorismo", kiun la tielnomataj "Ruĝaj Brigadoj" agas, kontraŭ la ŝtataj instancoj sekvestrante, vundante aŭ eĉ mortigante ĉie kaj ĉiel elstarajn funkciulojn de la plej potencaj politikaj partioj, aŭ ĵurnalistojn de ĉiutagaj naciaj gazetoj, aŭ industriistojn, magistratojn, altgrandajn policistajn oficirojn.

Tiuj ĉi Brigadanoj, kiuj kondukas senlacan kaj senkompateman batalon kontraŭ la demokratan "sistemon" - kiu regas la italan vivon depodt la lasta mondmilito, organizas "artefaritajn" procesojn kontraŭ la arestitaj de ili gravaj personoj (kiel ekzemple la iama ĉefministro Aldo Moro, kiu fine estis mortigita); la verdiktojn de tiuj procesoj ili sendas al la gazetoj pere de komunikiloj kaj specialaj bultenoj, minacante per mortpuno aŭ - laŭ la okazoj - petante riĉajn reaĉetaĵojn, devigante venĝojn kaj publikigon de komunikaĵoj en gazetoj kontraŭ la vivebleco de la kaptitoj.

Do, la asocio de italaj ĵurnalistoj, forprenante al neniu la agadliberecon, lasis al la gazetoj la decidon publikigi aŭ ne la bultenojn kun informoj de la Brigadanoj, ankaŭ eĉ se la Registaro atentigis, ke ne estas permesate kuraĝigi la banditojn, kontentigante ilin en iliaj pretendoj, ĉar disvastigi iliajn ideojn povas kaŭzi danĝeron pri disfalo de la demokrata strukturo de Italio.

Dino Fabris

"

" "

# V A L O R A   R E V U O

Hungara Esperanto-Asocio havas multajn Esperanto-periodaĵojn, sed inter ili elstaran lokon okupas la hungarlingva revuo "Vilag és Nyel (Mondo kaj lingvo). Ĉefredaktoro de tiu ĉi revuo estas Imre Szenes /Imre Seneŝ/, konata hungara ĵurnalisto, redaktoro en unu el la plej grandaj hungaraj ĵurnaloj "Népszawa" (Popola voĉo).

"Mondo kaj lingvo" estas vitrino de Hungara Esperanto-movado antaŭ la neesperantista publiko. Tiu belaspekta kaj allo ga revuo informas la hungaran legantaron pri la vasta Esperanto-agado en la tuta mondo. Apartan signifan lokon la revuo disponigas al la multflanka Esperanto-agado en la socialimaj landoj. Multfoje la revuo publikigas artikolojn pri la bulgara E-movado kaj pri la aktiva bulgara-hungara Esperanto-kunlaboro. La revuo prezentas gravajn informojn pri la laboro de Universala Esperanto-Asocio.

Sed la fundamenta celo de la revuo estas la lingva problemo en la mondo; ĝia detala esplorado kaj la rimedoj por ĝia pli efika solvo. Ne hazarde en la redakta komitato de la revuo partoprenas famaj hungaraj sciencistoj, lingvistoj, ĵurnalistoj.

La revuo ofte aperigas intervjuojn kun hungaraj ministroj kaj parlamentanoj. En la revuo oni povas legi ampleksajn artikolojn de elstaraj hungaraj lingvistoj. Sur ĝiaj paĝoj aperas interesaj diskutoj pri la solvo de la monda lingva problemo.Ĝi aperigas eĉ opiniojn, malfavorajn al Esperanto. Famaj hungaraj lingvistoj science kaj profunde prezentas la avantaĝojn de la Internacia lingvo. Ofte sur la paĝoj de la revuo oni povas legi interesajn artikolojn de konataj Esperanto-sciencistoj kiel d-ro Istvan Szerdahely /Iŝtvan Sardahej/, d-ro Vilmos Benczik /Vilmoŝ Bencik/ kaj aliaj. Pere de la revuo multaj hungaraj E-instruistoj esprimas siajn proponojn pri pli efika kaj pli vasta E-instruado en Hungario.

La revuo havas ankaŭ riĉenhavan kaj allogan jarlibron. En ĝi aperas ne nur artikoloj, sed ankaŭ beletraĵoj, verkitaj originale en Esperanto kaj tradukitaj hungare. Tiamaniere la hungaraj legantoj havas eblon ekkoni la originalan Esperanto-

literaturon.

"Mondo kaj lingvo" estas valora nacilingva Esperanto-revuo. Sendube ankaŭ aliaj landoj bezonas similan revuon, se ili deziras, ke ilia laboro por la progreso de Esperanto estu efika kaj fruktodona.

Budapesto Georgi Mihalkov

## DU JUBILEOJ

### ELSTARA BULGARA ESPERANTISTO - JUBILEULO

Por celebri la 70-an jubileon de Ivan Esperov la sofiaj esperantistoj kolektiĝis en la salonon de E-societo "M.Gorki" la 18-an de decembro 1980. La celebran kunvenon malfermis kaj gvidis Kunĉo Vâlev - ĝenerala sekretario de Bulgara Esperantista Asocio. Raporton pri la vivo, la multflanka agado kaj abnegacia batalo de Esperov faris k-do Nikola Aleksiev. (Koncizigitan parton de la raporto ni publikigas ĉi sube).

Sekvis salutparloj, gratuloj, enmanigo de donacoj: Kunĉo Vâlev je la nomo de la Centra Estraro de BEA, Hristo Kanev - prezidanto de la Urba Estraro de BEA en Sofio, Belka Beleva - prezidantino de E-societo "M.Gorki", Dimitro Haĝiev - prezidanto de la Landa sekcio de MEM, Stoja Denĉeva - je la nomo de l'Poŝtista E-societo "Heroldo", d-ro Stojan Moraresku de la Medicinista sekcio kaj la Medicinista E-societo "D-ro L.L.Zamenhof" en Sofio, Minko Conkovski - malnova kunlaboraboranto de la jubileulo k.a. La jubeliulo respondis emociite.

" " "

Sub pseŭdonimo IVAN ESPEROV la bulgaraj kaj multaj eksterlandaj esperantistoj delonge konas la malnovan veteranon de la Esperanto-movado IVAN DIMITROV KEREMIDĈIEV, apostolo de la Internacia Lingvo en nia lan-



do, multjara redaktoro de "Internacia Ĵurnalisto", propagandisto kaj organizanto de plej diversaj aktivecoj inter la esperantistaro. Nun tiu tre populara esperantisto atingis, malgraŭ iuj obstakloj de la sorto, respektindan

aĝon de 70 jaroj. En lia progresema agado tiu aĝo aperas kiel supro videbla de malproksime. La juna kaj mezaĝa E-generacioj povas ĉerpi riĉan sperton el la pli ol duonjarcenta esperantista kaj progresema agado de nia amiko Ivan Esperov.

Li naskiĝis la 16-an de decembro 1910 en vil.Trajkovo, en la subdistrikto de la danuba havenurbo Lom. Filo de multnombra familio (kun sep geknaboj) kies patro estis mizere salajrata oficisto, li nature eniris la mediojn de revoluciaj bulgaraj laboristoj kaj kamparanoj. Apenaŭ 19-jara li fondis en 1930 grupon de la laŭleĝa Laborista Partio en u.Lom kaj diversajn organizaĵojn, inter kiuj ankaŭ societon de Laborista E-Asocio. Ivan skribas, presigas kaj disvastigas folion pri la tago de Hristo Botev je la 2-a de junio.

Pro sia progresema agado li estis eksigita de la gimnazio kaj malhelpita fari maturekzamenon. Iom poste tamen li sukcesis ekzameniĝi kaj matrikuliĝas en la Sofia Universitato. Pro lia aktiveco en la vicoj de la progresema studenta organizaĵo BONSS la polico revenigas lin en Lom. Tie li reokupiĝas pri kontraŭfaŝistaj organizaĵoj. La polico arestas lin kune kun preskaŭ ducent personoj por instigi kontraŭ ili juĝproceson laù la ege reakcia "Leĝo por gefendo de la ŝtato". Ivan, kun kelkaj aliaj kamaradoj, estas juĝita en prizono, tamen, dank' al la helpo de progresemaj homoj, estas senkulpigita kaj liberigita. Li revenas en Sofion kaj daùrigas sian agadon. Sian panon li perlaboras kiel farbisto kaj telefonteknikisto, komerca laboristo k.a.

En la dummilitaj jaroj oni trifoje mibilizis lin. Inter la soldatoj li organizas grupojn de patriotoj, kreas ligojn kun la jugoslavaj partizanoj kaj helpas al ili en ties batalo kontraŭ la okupaciaj germanaj armetrupoj.

Komence de 1944 Esperov, kun sia familio, revenas en Lom. Tie li formas subdistriktan komitaton de Patrolanda Fronto. La 8-an de septembro 1944, kun siaj kamaradoj, li organizas amasan protestan demonstracion antaŭ la malliberejo kun postulo pri liberigo de la politikaj malliberuloj-antifaŝistoj. La sekvan tagon - la historia 9-a de septembro - eksplodis la popola perarmila insurekcio, la faŝista registaro estis renv-

ersita. Kreiĝis registaro de Patrolanda Fronto.

Post la popola venko li estis oficigita kiel estro de fako "Propagando kaj agitado" ĉe la Distrikta Komitato de Patrolanda Fronto en urbo Vraca. Samtempe li estis ĉefredaktoro de la distrikta ĵurnalo "Oteĉestven zov".

Post certa tempo oni oficigas lin redaktoro en "Rabotniĉesko delo", kie li funkciis kiel fakestro kaj respondeca sekretario de la redakcio dum pli ol 16 jaroj. Dum dekkvin jaroj Esperov prezidis la sekcion "Loka gazetaro" ĉe la Unuiĝo de Bulgaraj ĵurnalistoj.

Krom en sia ĵurnalista profesio Esperov uzis sian plumon ankaŭ en la beletro.

Nia jubileulo lernis Esperanton en 1924. Post kelkaj jaroj li fondis en Lom societon de Laborista E-Asocio kaj laboris kiel ĝia sekretario. Estante studento en Sofio, li fariĝis respondeca redaktoro de la eldonaĵoj de Laborista E-Asocio "Internacia laborista-kamparana korespondanto" kaj "Bulteno". Pro la enhavo de iuj artikoloj en tiuj eldonaĵoj la prokuroro iniciatis juĝproceson kontraŭ la redaktoro laŭ la drakon-Leĝo por defendo de la ŝtato.

Aparte fruktodona estas la gvida laboro de Esperov en la E-movado dum la periodo 1937-1944. En "Bulgara Esperantisto", kies vicredaktoro li estis, li publikigas artikolon pri la stato kaj la aktualaj taskoj de la bulgara esperantistaro. Sinsekve li fariĝas redaktoro de E-paĝoj en la ĉiutagaj gazetoj "Zarja" kaj "Nova Kambana". Sur tiu kampo estas tre rimarkindaj la propagandistaj kaj organizaj kvalitoj de Esperov. Je la nomo de BEA li gvidis du landajn kongresojn, en Pleven kaj Loveĉ, kaj unu landan E-konferencon en Plovdiv. Esperov savis la honoron de la tiama BEA ĉe cirkonstancoj tre malfavoraj por la progresema agado.

Laŭ la iniciato kaj sub la redakto de Esperov en 1941 estis eldonita popola kalendareto "Esperanto". Ĝi prezentas 48-paĝan broŝuron kun tre interesaj antifaŝismaj materialoj, verkitaj de la plumo de konataj bulgaraj kaj eksterlandaj aŭtoroj, amikoj de Esperanto. Esperov sukcesis eldoni kaj disvastigi ĝin, ĉirkaŭante la faŝistan cenzuron.

La triopo de aktivuloj Esperov, Oljanov, Bujukliev instigis eldonadon de "Albumo de bulgaraj esperantistoj" en urbo Ruse kaj ankaŭ plibonigon (kunlabore kun Hungara E-Asocio) de "Aldono" al "Hungara Heroldo". Tiu aldono en 1943 estis la fakta organo de BEA post la malapero de "Bulgara Esperantisto", kies oficiala redaktoro estis prof. St.Ĝuĝev.

Post la liberiĝo de Bulgario el sub faŝista jugo Keremidĉiev estis invitita al Sofio okupi la sekretarian postenon de CK de BEA. Samtempe li estis kunredaktoro de "Bulgara Esperantisto". Poste li laboris kiel membro de la redaktaj komitatoj de "Internacia Kulturo" kaj "Nuntempa Bulgario", gvidataj de Asen Grigorov. Li redaktis ankaŭ "Esperanto-kalendaron 1948" kaj jubilean E-gazeton.

Esperov estis seninterrompe elektata membro de CK de BEA. Dum 7-8 jaroj li estis vicprezidanto kaj poste prezidanto de la plej amasa E-societo "M.Gorki" en Sofio.

Ekde 1956 Ivan Keremidĉiev estas ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto" - organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Nun li estas ankaŭ vicprezidanto de TEĴA.

Jen en ĉefaj linioj la agado de nia jubileulo, kies detala biografio povus plenigi la paĝojn de kompleta broŝuro. Reliefiĝas lia figuro de senhezita batalanto por pli feliĉa estonteco de la bulgara popolo.

Pro sia riĉenhava popolutila agado Ivan Esperov ricevis multajn medalojn kaj ordenojn. Lige kun lia 70-jariĝo li estis dekorita per la alta ordeno "Popola Respubliko Bulgario".

## KELKAJ VORTOJ PRI N.F.DANOVSKIJ

En 1905, kiam en cara Rusio eksplodis la unua potenca popola revolucio, kaj en la franca urbo Boulogne-sur-mer kunvenis la historia Unua tutmonda kongreso de esperantistoj, en belega nigramara urbo Odeso, la 10-an de decembro, naskiĝis knabeto-bebo Kolenjka, kiu iom post iom transformiĝis en la de ĉiuj ni estimatan Nikolao Danovskij, kies 75-jaran jubileon ni hodiaŭ festas en nia rondo familia.

Estas delonge sciate, ke infano de gepatroj, apartenantaj al diversaj nacioj, ofte ensorbas plej bonajn ecojn de la fontaj popoloj. Nome tiel la talenta infano, nia jubileulo, estas filo de

du slavaj popoloj. En Odeso li kapablis studi en ses diversaj mezkaj superlernejoj. Li ekposedis rusan, latinan, germanan, francan, polan kaj ukrainan lingvojn, lernis piano- kaj harpludon, finis superan pedagogian E-kurson, dank' al kio ekmeritis troviĝi hodiaŭ inter ni. Interalie li fariĝis diplomita inĝeniero. Por ĉio ĉi al li sufiĉis tempo, kapablo, diligento kaj persisto.

Post tia favora kaj profunda prepariĝo Nikolao forveturis konkeri Moskvon. Tie li sukcesis finaŭskulti kurson de matematika fakultato de Moskva Ŝtata Universitato kaj finis kurson de rusa-angla traduko ĉe Moskva Pedagogia Fremdlingva Instituto. En Moskvo Danovskij sukcesis ellerni bone italan lingvon.



N.F.Danovskij
30-jara, 1935

N.F.Danovskij laboris kiel inĝeniero-konstrukciisto kune kun famaj sovetaj konstrukciistoj A.A.Mikulin, S.K.Tumanskij kaj Klimov. Li partoprenis en la kreo de la unuaj piŝtaj kaj jetaj motoroj; instruis en kelkaj superaj lernejoj, en tiu nombro ankaŭ Avia-akademio "N.J.Ĵukovskij". Sed pleje li laboris kiel redaktoro kaj ĵurnalisto.

La subita perfida agreso de hitler-hordo kontraŭ nia lando interrompis la multflankan fruktodonan pacan agadon de N.F.D. Senpere el aspiranteca dua kurso de Moskva Supera Teknika Lernejo "N.E.Bauma" li trafis la fronton. Kvin jarojn majoro-inĝeniero N.F.Danovskij pasigis en batalojkontraŭ faŝisma Germanio kaj militarista Japanio. En Koreio li konatiĝis kun ĉina kaj japana lingvoj. Pro siaj meritoj li estis kelkfoje ordenita.

Post la milito N.F.D. multajn jarojn laboris en la redakcio de Granda Soveta Enciklopedio, kiel supera scienca redaktoro kaj samtempe multe okupiĝis pri ĵurnalismo kaj Esperanto. Li estas vaste konata al sovetaj kaj alilandaj esperantistoj kiel aŭtoro de multnombraj publikaĵoj pri Esperanto, kiel teoriulo, tradukisto kaj propagandisto de E. La senlaca E-agado de N.F.D. daŭras ekde

1925. Li partoprenis la VI-an SAT-kongreson en 1926 en Leningrado. Estis sekretario de Odesa SEU-komitato dum 1925-1930, partoprenis SEU-kongreson en 1930. Ĉi tie indas rememori la instruistojn de N.F.D. pri E-to. Tiuj estis unue Eùgeno Aisberg, odesa partizano.renoma inter esperantistoj, radio-inĝeniero, konata kiel "la knabo, kiu famiĝis" ; due Vladimir Sutkov - poeto kaj aùtoro de elstara E-rusa vortaro; trie Sergeo Rublov, sciencisto-kemiisto - fama tradukisto de rusa poezio en E-ton, en tiu nombro eldonitaj verkoj de V.Majakovskij, S.Esenin kaj fabloj de I.Krilov. N.F.D. estis membro de IGSE (Iniciata Grupo de Sovetaj Esperantistoj), partoprenis la 48-an UK (en Sofio), estis vicprezidanto de E-Komisiono ĉe Unio de Sovetaj Amikec-asocioj. Kaj ĝis nun li estas vicprezidanto de TEĴA. En Rigo li estas vicprezidanto de la klubo "Internacia Amikeco". Li gvidis E-rondetojn en la redakcio de Granda Soveta Enciklopedio kaj en Soveta Scienca Akademio - Lingvoscienca Instituto.

Multajn verkojn N.F.D. tradukis, multajn tradukojn redaktis. Inter ili estas verkoj de Puŝkin, Lermontov, Leo Tolstoj, Turgenev, Ĉehov, Gorkij, Korolenko, Kuprin, Versajev, Aksakov, Bunin, Blok, Ŝolohov, Paustovskij, Serafimoviĉ, Marŝak, Nikolaj Ostrovskij, Gajdar, Lavrenev, Ŝiŝkov, Tiĥonov, Pantelejev, Nagibin, Ritheu, Krivin, Kolesnik, Brovka, Kupala, Kolas, Gribaĉov, Surkov, Ostrovoj, Laskin, Gumilov, Oŝanin, Ziedonis, Ĉaks, Elksne, Avotinja. Ilia traduko el angla en rusan de Stenli Elin estis publikita en Antologio de Moderna usona novelo. Li esperantigis kvar kinofilmojn kaj redaktis sovetajn numerojn de "Paco" - organo de MEM.

N.F.D. estas konata esperantologo. Sfero de liaj interesoj estas problemoj de kunmetitaj vortoj, teorio de traduko, evoluo de Esperanto kaj esenco de transiro "projekto-lingvo". Ni ĉiuj plezure tralegis lian artikolon "Evoluo de E." en la scienca kolekto de artikoloj, eldonita sub aùspicio de Lingvoscienca Instituto de Soveta Sciencakademio.

Dum la lastaj dudek jaroj N.F.D. tradukis en E-ton multajn gravajn partiajn kaj ŝtatajn dokumentojn.

Ĉehov iam diris, ke la biografio de ajna homo povas servi kiel enhavo de mallonga rakonto. Do, laù konsilo de Ĉehov, mi prov-

os fari mallongan rakonton, uzante la biografion de N.F.D. Li estis odesano. Tio jam estas duono de la rakonto, ĉar tio montras la karakteron. Vi ja memoras, ke la ĉefa trajto de odesa karaktero estas kapablo tranĉi plandon ĉe paŝanta homo. Sed la dua duono de la karaktero estas esperantisto. Klarigi al vi la specifon de tiu karaktero - ĉu necesas? Dubindas!

Konklude mi dezirus diri, ke mia samurbano dum sia tuta malfacila, sed glora vivo, servis al noblaj ideoj de amikeco de la popoloj, estante pasia patrioto kaj konvinkita internaciisto. En lia persono la soveta E-movado havas fidelan kaj saĝan konsilanton, kaj la riga E-klubo "Internacia Amikeco" - unu el la elstaraj gvidantoj.

Permesu al mi je la nomo de ĉiuj sovetaj kaj multnombraj alilandaj esperantistoj varme kaj elkore gratuli nian karan samideanon kun la grava jubileo, deziri al li grandan feliĉon, siberian sanon, moskvan karakteron, odesan spritecon kaj optimismon, novan prosperon sur la E-kampo, kaj esprimi firman certecon, ke nia NIKOLAO F. DANOVSKIJ plue batalos por la triumfo de la grandaj ideoj de paco kaj amikeco inter la popoloj kaj la progreso de Esperanto.

Riga I.A. Butman

---

FORPASIS ATANAS D. ATANASOV - ADA

Je la 23-a de marto 1981 subite forpasis je aĝo de 89 jaroj la veterano de bulgara Esperanto-movado, longjara prezidanto de BEA kaj ĉefredaktoro de "Bulgara Esperantisto" ATANAS D. ATANASOV - ADA. Li estas konata aŭtoro de lernolibroj de Esperanto kaj de prilingvaj artikoloj, eksvicprezidanto de Akademio de Esperanto, iama prezidanto de Internacia unuiĝo de esperantistoj filologoj, Honora membro de UEA.

Pli ol 70 jarojn Atanas D.Atanason abnegacie laboris por la triumfo de la Internacia Lingvo Esperanto kaj de la noblaj ideoj de Esperanto-movado por paco kaj interkompreniĝo de la popoloj.

Pro siaj meritoj en la popularigo de bulgara literaturo kaj kulturo en la medioj de la monda esperantistaro li ricevis altan ŝtatan honorigon pro kulturagado - oran medalon "Kiril kaj Metodij".

CE de BEA kaj Internacia unuiĝo de esperantistoj-filologoj.

---

# ODO AL ADA

Asen Grigorov

En hor' malfrua kaj fiola
mi legis ADA-lernolibron...

Angel Todorov
(bulgara poeto kaj tradukisto)

Vi aĝas okdek jarojn. Bona aĝo!
Solida aĝo. Vivo sencoplena.
Dum ok jardekoj kolektita saĝo.
Vivdaŭro senripoza kaj serena.
Ho jes, dum via longa vivo eĉ ne tagon
vi paŭzis en laboro pormovada.
Vi donis ĉion: plumon
vorton
agon
kaj vian koron mem vi donis, ADA!
Dum tuta vivo estis la standardo
de la esper'
en via man' fidela
kaj via koro brulis kun batala ardo
sub tiu ĉi standard' verdstela.
Faŝistoj mokis vin
kaj malestimis
movadon nian kaj aferon nian,
sed vi neniam cedis,
ne ektimis -
vi iris vian vojon historian.
En la vesperoj, dum ĉiel' mallumis
kaj en vual' viola volvis sin la Tero
ni vian lernolibron foliumis -
kaj en la koro
lumis
la espero:
ke regos paco inter la nacioj,
ke estos for militoj
kaj militarismo,
ke sur la Tero lumos sunradioj,
ke ĉesos fine la homara skismo.

Serena estas nun la patrolando.
Ni iras al estonto eldorada.
Ho vivu, vivu nia Esperanto,
kaj vivu longe
nia
kara
ADA!

Sofio, 29.I.1972

La redakcio de "I.Ĵ." represas ĉi odon okaze de la forpaso de nia fama kaj meritplena kolego.

## FESTADO DE GAZETOJ

PARIZO. En la antaŭurbo de Parizo - Kurnev estis festita la tago de gazeto "L'Humanité". Venis centmiloj da homoj el la tuta lando. En la tiel nomata "Internacia urbeto" estis vaste montritaj laboristaj gazetoj el multaj landoj. Funkciis ankaŭ la plej granda en Francio libro-bazaro, estis vendataj famaj politikaj verkoj kaj raraĵoj. Okazis amase vizitita mitingo kun cent mil partoprenantoj. La oratoroj parolis pri batalo por paco kaj demokratio.

BOLONJO. Tiu ĉi urbo estis dommastro de la festado de "Unita" - unu el la plej popularaj italaj gazetoj. Unu el la ĉeftemoj de la festado estis la batalo de l'afrikaj popoloj por plena ekonomia kaj politika suvereneco. Sub la signo de tiu temo estis organizita ankaŭ diskutado "La evoluantaj landoj kaj la problemoj de informado". Estis organizitaj ankaŭ multnombraj renkontiĝoj, dediĉitaj al plej gravaj problemoj de la interna kaj ekstera situacio de la lando. Ties kulmino estis la amasa manifestacio sub la slogano "Por paco, por malarmado, por plifortigo de la batalo kontraŭ la terorismo, por politika renovigo de Italio. Estis organizitaj multaj ekspozicioj de gazetoj el diversaj landoj. La festado finiĝis per mitingo.

VIENO. En la ĉefurba parko "Prater" por 35-a fojo post la liberigo de la lando el sub germana naziismo okazis festo de gazeto "Volksstimme"La vizitantoj manifestis grandan intereson al la ekspozicioj de eksterlandaj gazetoj. Oni spektis kaj aŭskultis artprogramojn de aŭstriaj kaj eksterlandaj kolektivoj. La tuta festo pasis en spirito de batalo por mildigo de la internacia streĉiteco kaj por malarmado.

STOKHOLMO. Du tagojn daŭris

la festado de gazeto "Nju dag" lige kun ĝia 50-jara jubileo. En ĉefurba parko okazis mitingo. Ĉe-estis reprezentantoj de multaj eksterlandaj gazetoj.

PRAGO. Lige kun la 60-jara j-ubileo de gazeto "Rude pravo" e-stis organizita solena festado . Al tiu jubileo estis dediĉitaj multaj aranĝoj, la plej grava el kiuj estis la tradicia popola festo en la parko por kulturo kaj ripozo "Julius Fuĉik". Par-toprenis ankaŭ multnombraj del-egitaroj el eksterlando.

"

" "

## ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen, Box 59, 5501 Haugesund, NORVEGIO.

Vicprezidantoj:

Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. "Borovo" bl.219 "B", 1680 Sofio, BULGARIO. (Li estas ankaŭ ĉefre-daktoro de "Internacia Ĵurnalis-to").

Tadros Megalli, D-8381 Rosse-bach, Untergrafendorf, F.R.GERM-ANIO.

Nikolaj Danovskij, 226014 Riga 14, ul."Ostrovskago" 4-4 A, USSR.

Ĝenerala sekretario kaj kasi-sto: Dino Fabris, Borgo Rossano 5 Cittadella (Padova), ITALIO.

Membroj-estraranoj:

A.W. Thomson, Anglio (adreso nekonata).

Donĉo Hitrov, 1000 Sofio, str. Asparuh 61, BULGARIO.

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉi-ev-Esperov, 1680 Sofio, kv."BORO-VO", bl. 219 "B", BULGARIO. telefono 56-58-77.

Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Krastju Karucin

- - - o o o - - -